**Komuniko UK 1**

## LA VOJO AL KAJ EN BONAERO: INAŬGURO DE LA 99-A UK

Per cito el la epopeo de José Hernández el 1872, Martín Fierro, prezidanto Mark Fettes komencis sian unuan festparoladon en inaŭguro de Universala Kongreso. La 99-a UK estis solene malfermita en duhora ceremonio dimanĉon, la 27-an de julio, en Teatro Metropolitano, centre de la argentina ĉefurbo Bonaero.

Komence la prezidanto de UEA bonvenigis la kongresanojn kaj prezentis la podianojn kaj honorajn gastojn, inter kiuj estis la ambasadoroj de Ukrainio kaj Korea Respubliko, kultura ataŝeo de Svislando kaj vicprezidanto de la Ĉina Internacia Gazetara Grupo. Speciala gasto estis Roselyne Dewilde, praparencino de L.L. Zamenhof, vivanta en Argentino.

Sekvis salutparolo de s-ro Carlo Regazzoni, subsekretario en la urba ministerio pri edukado kaj enlande konata politikisto. Li bonvenigis en Esperanto la kongresanojn kaj, daŭrigante hispane, emfazis la gravecon de espero kaj persisto en la strebado de la esperantistoj por pli justa mondo.

Sian bonvenigan saluton la prezidanto de LKK Jorge Cabrara komencis per danko al sia loka teamo, al UEA pro la decido kongresi unuafoje en Argentino, kaj precipe al la kongresanoj pro la preteco de multaj el ili fari longan vojaĝon.

Poste la estraranino de UEA Barbara Pietrzak legis la mesaĝon de L.C. Zaleski-Zamenhof. Li citis la komencon de la kongresa temo, *Ĉu la nepoj nin benos?*. Dum la nuna UK oni provos trovi respondojn kaj solvojn por certigi daŭripovan estontecon por la homaro. La nepo de Ludoviko Zamenhof serĉis kaj trovis ilin en poemo de sia avo:

"*Ho, ĉesu!*" *mokante la homoj admonas, –*
"*Ne ĉesu, ne ĉesu!*" *en kor*' *al ni sonas:*
"*Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,*
*se vi pacience eltenos.*

La vicprezidanto de UEA Stefan MacGill anoncis la decidon de la Komitato elekti la brazilan eldoniston kaj literaturiston Gersi Alfredo Bays kiel Honoran Membron de UEA, kaj legis lian biografieton.

Je tiu punkto la prezidanto petis minuton da stara silento, memore al la mortintoj kaj suferintoj dum la antaŭa jaro, ĉu en militoj, malpacoj, ĉu rezulte de naturaj aŭ aliaj katastrofoj.

Rafael Henrique Zerbetto enkondukis la kongresan temon: *Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco* kaj invitis la kongresanojn al la tri pritemaj kunsidoj, kiuj disvolviĝos sub lia gvido. Li konstatis, ke Ludoviko Zamenhof kreis pli ol lingvon, nome ankaŭ perilon por proksimigi landojn kaj homojn. Esperantistoj strebas esti pacigantoj kaj protektantoj kontraŭ lingva diskriminacio kaj la formorto de lingvoj -- sed kion ili praktike faras? Ne sufiĉas nur uzi Esperanton por atingi sociajn ŝanĝojn kaj daŭripovecon -- necesas konscia engaĝiĝo kaj aktivaj streboj. Gravas atentigi pri la komunika maljusteco, kiam homoj regantaj la anglan uzas ĝin en internaciaj rondoj, ekskludante tiujn, kiu ne regas ĝin. La celo estu flegi socian kaj ekonomian progreson, sed fari tion kun respondeca zorgo pri la ĉirkaŭa medio.

Sekvis la festparolo de la prezidanto de UEA, kies teksto estos dissendita aparte, kune kun resumo pri la dua parto de la inaŭgura programo.

Stefan MacGill
Vicprezidanto de UEA
Komisiito de ILEI pri la retkurso 'Esperanto Etape'.

# FESTPAROLADO DE LA PREZIDANTO DE UEA

**D-ro MARK FETTES**

en la Solena Inaŭguro de la 99a Universala Kongreso de Esperanto
(Bonaero, Argentino, la 27an de julio, 2014)

Karaj kongresanoj, karaj honoraj gastoj, estimataj gesinjoroj,

Mi komencos per kelkaj vortoj, kiujn eble rekonos la argentinanoj inter ni:

*Ĉi tie do mi ekkantas*
*laŭ ritma sono gitara,*
*ĉar kiun neordinara*
*sufer' afliktas, simile*
*al bird' soleca, laŭtrile*
*konsolas lin kanto klara.*

Tiel malfermiĝas unu el la grandaj verkoj de la argen-ina literaturo, *El gaucho Martin Fierro*, epopea poemo de José Hernández el 1872. Kiel vi jam povas diveni, ĝi ne rakontas gajan aventuron, sed la tre malfacilan vivovojon de argentina gaŭĉo, kiu maljuste perdas sian familion.




La unua eldono de la verko

*Bonvolu ĉiuj memori*
*pri jenaj vortoj de vero :*
*en la lernej' de sufero*
*mi havis mian lekcion*
*kaj studis mi tie ĉion*
*ek de l' plej frua espero.*

*Martin Fierro* estis vaste populara en sia epoko, kaj ne nur inter argentinanoj. Temas pri portreto, ne nur de homo, sed de tuta popolo kies sorto estas minacata de sociaj fortoj preskaŭ ne regeblaj. La verko estas defio al tiuj, kiuj vidas nur unu veron, unu vojon al progreso, unu recepton por la socia evoluo. Ĝi asertas la valoron de la fremdulo, la aliulo, la marĝenulo, kontraŭ ĉiuj regantaj supozoj kaj antaŭjuĝoj.

Antaŭ precize duona jarcento, en 1964, Esperanta traduko de *Martin Fierro* fariĝis la kvina verko de la mondliteraturo, akceptita por la Serio Oriento-Okcidento de UEA. Kaj la ideo por tiu traduko naskiĝis ĝuste ĉi tie, en Bonaero, en la kadro de multjara amikeco de speco, kiun ĉiu esperantisto rekonos — amikeco trans la limoj de nacieco, lingvo, profesio, klaso, aĝo.

La tradukanto de *Martin Fierro* estas Ernesto Sonnenfeld, germanlingvano kiu ekkreskis en la ŝtato Aŭstrio-Hungario, fariĝis plenkreskulo en sendependa Ĉeĥoslovakio, kaj fine elmigris al Argentino en 1938, kiam la situacio en Centra Eŭropo klare survojis al nazia superregado. En Bonaero li konatiĝis kun la mondvojaĝanto Tibor Sekelj, juna hungardevena jugoslava civitano, kiu alvenis en 1939 kaj en la postaj jaroj fariĝis fama argentina ĵurnalisto, esploristo kaj aŭtoro.

Ĉar tiel funkcias Bonaero: ĝi estas granda haveno por homoj el la tuta mondo, kaj aparte el tuta Eŭropo. Argentinanoj foje nomas sin "la idoj de la ŝipoj," kaj jen ni vidas ilin, du tiajn ŝipanojn, kiuj en la ŝtormo de mondaj eventoj renkontiĝas ĉi tie, en la trinkejoj kaj restoracioj, la muzikejoj kaj teatrejoj de Bonaero. Kaj kiuj trovas en la argentina kulturo tion, kion ili serĉas: vivoĝuon kaj gastamon; valorigon de la individuo; akceptemon pri diverseco; kaj la kapablon elturniĝi kaj adaptiĝi, eĉ en plej malfacilaj cirkonstancoj.

Do, oni povas diri, ke estas granda kongruo inter la argentina kulturo kaj la Esperanta kulturo. En tiu senco estas iom surprize, ke nur nun, en nia 99a kongreso, ni finfine venas al Bonaero. Ja la urbo kvazaŭ atendas nin de la komenco. Kaj mi certas, ke vi ĉiuj kaptos la okazon por iom konatiĝi kun ĝia riĉa pasinteco, ĝia vigla surstrata vivo, ĝiaj muzeoj, manĝejoj kaj vendejoj.



Sed mi volas nun paroli iom pri la estonteco—ne nur de ĉi tiu urbo, nek de ĉi tiu lando, sed de ni ĉiuj—de nia mondo. Ĉar ni memoru, ke tiu ĉi estas nia mondkongreso, eĉ se de tre modesta grandeco, kiu donas al ni okazon rigardi trans la limojn de nia ĉiutaga vivo, niaj propraj zorgoj, al pli grandaj demandoj.

Nia kongresa temo starigas ĝuste tian demandon: "Ĉu la nepoj nin benos?" Ĝi aludas kompreneble al la fama poemo de Zamenhof, "La vojo" —

> *Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,*
> *pri l' tempoj estontaj pensante.*
> *Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas, –*
> *ni semas kaj semas konstante.*
> *"Ho, ĉesu!" mokante la homoj admonas, –*
> *"Ne ĉesu, ne ĉesu!" en kor' al ni sonas:*
> *"Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,*
> *se vi pacience eltenos".*

"Obstine antaŭen." Ni ĉiuj komprenas, kion Zamenhof volis diri per tiuj vortoj — ke ni ne perdu kuraĝon, se ni elektis vojon kiu ne estas tuj komprenebla por aliaj homoj. Kaj ni efektive bezonis tiun kuraĝon ofte en la 118 jaroj, kiuj pasis post la apero de "La vojo" en *Lingvo Internacia*. Tamen, se ni rigardas iom pli vaste, pensante ne nur pri Esperanto, sed pri la tuta evoluvojo de la homaro en tiuj 118 jaroj, tiuj vortoj povas soni iom ironie.

Obstine antaŭen — en la tranĉeojn de la Unua Mondmilito.

Obstine antaŭen — en la disvastigo de senbrida kapitalismo, kiu kondukis al la ekonomia kolapso de la tridekaj jaroj, kaj daŭre minacas la stabilecon kaj socian koherecon de multaj landoj tra la mondo, inkluzive de tiu ĉi lando, Argentino.

Obstine antaŭen — al la eksportado de la okcidenta modelo de demokratio, aŭ la okcidenta modelo de komunismo, ambaŭ ĉe la fino de pafilo.

Obstine antaŭen — al la disvastigo de industria agrikulturo kiu detruas la grundon, malpurigas la akvojn, kaj senposedigas la etbienulojn.

Obstine antaŭen — al pli kaj pli intensa utiligo de karbo, nafto, tergaso, fosiliaj energifontoj kiuj intertempe liberigis tiom da karbondioksido, ke la klimato de la tuta planedo komencas ŝanĝiĝi.

Obstineco ne sufiĉas. Necesas ankaŭ saĝo. Necesas la preteco rigardi klarvide la propran konduton, la proprajn konvinkojn, kaj la preteco ŝanĝi ilin, se necese.

Nia ĉi-jara kongresa temo donas okazon por tiaj diskutoj. Ni lernu unu de la aliaj, ĉar finfine por tio Esperanto estas kreita — por ebligi al ni ĉiuj pliriĉiĝi per la spertoj de aliaj, la vidpunktoj de aliaj, la esplorado kaj ĝuado de nia komuna homeco. Kaj parto de tiu homeco troviĝas ĝuste en la situacioj, kiuj prezentas al ni *Martin Fierro* — kiam ni, kiel individuoj, sentas nin preskaŭ senpovaj kontraŭ la premo de eventoj, la tajdo de la historio. Ĉiu el ni, en ĉi tiu epoko, en ĉi tiu mondo, estas ankaŭ parte gaŭĉo.

Frontante tiujn defiojn, ni tamen povas preni konsolon el la vortoj de alia granda argentinano, la bonaera verkisto Jorge Luís Borges. Borges estis granda admiranto de *Martin Fierro* kaj ĝia elstarigo de la valoroj de individuismo, de rezisto al la premoj de maljusta socia sistemo. Sed li estas ankaŭ tiu verkisto kiu diris, fine de sia vivo:

"Mi ne certas ke ekzistas *mi*, efektive. Mi estas ĉiuj verkistoj kiujn mi legis, ĉiuj homoj kiujn mi konis, ĉiuj virinoj kiujn mi amis, ĉiuj urboj kiujn mi vizitis, ĉiuj miaj prauloj."

Tiel estas ankaŭ por ni esperantistoj. Ni ne estas solaj. Ni estas ĉiuj verkistoj kaj tradukantoj kiujn ni legas, ĉiuj muzikistoj kiujn ni aŭskultas, ĉiuj amikoj kiujn ni renkontis tra la mondo, ĉiuj urboj kie ni kongresis, ĉiuj niaj pioniroj.

Dum ĉi tiu kongreso, mi esperas ke vi sentos la forton, la potencon de tiuj tradicioj, kiuj portas nin antaŭen. Diskutu bone, laboru bone, trejniĝu bone, amikiĝu bone, distriĝu bone…

Ĝuu la lingvon. Ĝuu Bonaeron!



PDF-kompilo: SMG 2014-07-28. Du fotoj de Marija Belošević

Vi ricevis raporton pri la komenco de la inaŭguro, en plia sendo venis la teksto de la entuziasme akceptita fest-parolo de nia prezidanto. Jen eroj el la lasta parto de la inaŭgura solenaĵo. Sekvos aparta fotoalbumo pri la landaj salutoj, fine de la inaŭguro, kaj de la postaj programoj (Tago de Konsciigo, kiu jam pasis, Tago de Kapabligo, kiu nun okazas.






Post la prezidanta alparolo sekvis muzika paŭzo; la kungitara kanzonado de LKK-ano Nico Aloisio rekonis grandan aplaŭdon.

Sekvis bele konciza kaj trafa alparolo flanke de TEJO; Veronika Poór, kiu ligis siajn komentojn al la kongressa temo pri daŭripova evoluo; interese, ŝi tion portis enmovaden, rilate al la tre necesa daŭripovigo de nia propra movado, kies ŝlosilo estas la agadoj de ties junulara parto.



Sekvis saluto de ILEI flanke de ties prezidanto, s-ino Mirejo Grosjean, kiu raportis pri la ĵus finiĝinta Kon-ferenco de ILEI, kies inaŭguro okazis en la Nacia Parlamento de Urugvajo, kun akcepto kaj alparolo de la urbestrino de Montevideo (ĉefurbo kun 1.4 miliona ĉefurbo, de tiu kaj la direktorino de la regiona (kontinenta) oficejo de Unesko. La dua temo estis la Tria Tutmonda Kolokvo pri la Instruado de Esperanto okazonta en Neuchatel kaj La Chaux-de-Fonds en Svislando en majo, 2015.





Salutis la Prezidanto de la Akademio de Esperanto, Christer Kiselman, citante la avertajn vortojn de Zamenhof el 1914 pri la danĝeroj de naciisma pensmaniero kaj dirante, ke Esperanto estas ne nur lingvo, sed ankaŭ multflanka kultura fenomeno.

Sekvis saluto de SAT kaj la landaj salutoj, pri kiuj ni raportos pere de aparta kompilota fotoalbumo.

PDF kompilita de SMG 2014-07-29. Fotoj de Marija Belošević el Kroatio.

**Komuniko UK 4**

***Novaj laborskemoj dum Universala Kongreso***

La Estraro prove enkondukis novan aranĝon de la UK-programo, laŭ la ĉefaj agadkampoj de la Strategia Plano akceptita en 2013. Nome, lundo fariĝas la Tago de Konsciigo (kun paralele la Kleriga Lundo), mardo la Tago de Kapabligo (kun paralele la 'Tago de Lernado' de ILEI), ĵaŭdo la Tago de la Komunumo kaj vendredo la Tago de Kunordigo (kun grava komitatkunsido kaj Strategia Forumo).

Kvankam dum tiuj tagoj plu okazas tre diverseca programo, la koncerna agadkampo ricevas ampleksan traktadon en UEA-seminario, matene, kaj Komitata Forumo, fine de la posttagmezo. La seminarioj estas provo enkonduki iom da aktivula trejnado en la kongresojn. En ĉiu la unua horo estas enkonduka prezento, kiun sekvas duhora sesio en du paralele (kaj samsalone) okazantaj laborgrupoj. La Komitataj Forumoj transprenas la funkcion de la antaŭaj sub-komitataj kunsidoj. Tiuj forumoj donas okazon por diskuto pri la prioritatoj sur la diversaj agadkampoj, kaj pretigas rekomendojn, kiujn la Komitato vendrede traktos.

Ĉi-jare la seminario pri Konsciigo donis apartan atenton al daŭripova evoluo kiel kadro por informi pri Esperanto. Per la suba ligilo vi ricevas la lumbildan prezenton de la prezidanto de UEA, en kiu li prezentas kelkajn motivojn kaj ŝlosilajn mesaĝojn por kunligi nian movadon kun la pli vastaj streboj por daŭripova mondo.

Teksto: MF/SMG

Dissendas:

Stefan MacGill
Vicprezidanto de UEA
Komisiito de ILEI pri la retkurso 'Esperanto Etape'.

http://www.uea.org/pdf/dauripovo-konsciigo.pdf

**Komuniko UK 5**

***La Tago de Kapabligo***

Trideko da kongresanoj partoprenis la malferman seminarion pri Kapabligo, okazintan la 29an de julio. La nova kampo ampleksas multon pli ol la koresponda kampo de la antaŭa Strategia Plano 'Edukado' kiu kovris pli-malpli nur instruadon de la lingvo kaj instruistan trejnadon, kaj sekve estas afero de ILEI. Tiu disdivido restas valida nun, sed aldoniĝis signifaj novaj agterenoj, kiujn prizorgas UEA – la plej matura ekzemplo de tio estas la starigita kampo de Aktivula Maturigo (AMO). Tion diris la vicprezidanto de UEA, Stefan MacGill, kiu gvidis tiun malferman horon. Lumbilda prezentaĵo pri AMO (alkroĉita) formis la bazon por tiu reengaĝiĝo de UEA pri kapabligo. La komenca lumbildo skizis la trajtojn kaj celojn de la programo, per listo de bezonoj kaj realigoj, la dua faris samon por la seminarioj de la programo. Sekvis bildoj el la tri ĝis nun okazintaj seminarioj, en Hungario, Kanado kaj dum la IJK en Brazilo, kune kun la listo de venontaj seminarioj en 2014 (Ĉinio, Italio, Slovakio, Togolando). Posta bildo montris la kandidatliston por 2015; ĝi atestas la sopiregon akcepti seminariojn; el la listo kvar estis tuj poste konfirmitaj de la estraro de UEA, sed povus esti entute naŭ dezirantoj; ja la buĝeto havas rimedojn por nur ses seminarioj. Finaj bildoj skizis la financadon de la programo -- inkluzive de la neceso aldoni (ekde plejlaste 2016) sumon por administranto, kune kun enlistigo de taskoj, kiujn povus transpreni AMO-administranto. Fine de la horo, la ĉeestintoj formis kvar grupojn por diskuti la temon: 'Pri kio ni trejnu'. Ili rajtis indiki, pri kiuj temoj ili persone volus ricevi trejnadon, sed ankaŭ kiuj estas la temoj aŭ agad-direktoj kiuj pleje necesaj al la movado.

Post tiu sesio, komenciĝis la renomita sed kutima programo de ILEI: 'La Tago de Lernado' sub gvido de Marija Belošević kaj Jennifer Bishop. Ĝin komence salutis la prezidanto de UEA, Mark Fettes, antaŭ ol tuj transiri al seminaria laborgrupo en la programaro de UEA. Restis la vic-prezidanto, kiu post la malfermo gvidis neformalan sesion kun la temo: 'Kunlaborebloj inter UEA kaj ILEI'. Interalie temis pri ebloj oferti intensajn kursojn pri instruista trejnado en disaj mondpartoj, kie akutas la bezono. Pri la sekva disvolviĝo de la 'Tago de Lernado' raportos ILEI.

La seminario de UEA daŭris ĝis la tagmezo, kun du paralelaj laborgrupoj. Unu temis pri la KER-ekzamenoj, kaj tion gvidis Katalin Kovats, kiu por deko da interesiĝantoj klarigis kiel eblas okazigi KER-seminarion helpe de distanca gvidado kaj pere de la nova reta AGENDO ĉe www.edukado.net. La partoprenintoj decidis okazigi en sia urbo ekzamenojn en la Tutmonda Ekzamentago en 2015 kaj por sperti mem la proceduron, pluraj el ili trapasas la ekzamenon jam nun dumkongrese.

La alian grupon gvidis Mark Fettes pri la disvolviĝo de la AMO-programo. Ĉiu en la rondo havis okazon prezenti sin kaj siajn luktojn konigi Esperanton al la publiko; klare leviĝis la konstato, ke la plimulto sentas la gravecon de la informa laboro, kaj dezirus plian kapabligon en tiu kampo – efektive ĉiu AMO-seminario ĝis nun, kaj en baldaŭa estonto, traktas temojn ligitajn al informado. Venis pluraj tre konstruaj sugestoj, precipe pri la ebloj ĉerpi informojn kaj praktikojn el la rondoj de TEJO, kiu havas plurajn bone funkciantajn programojn pri Aktivula Trejnado. Estis mencio pri du EU-financitaj projektoj pri aktivula trejnado kun dek tri E-organizoj (~240 000 €), kaj kelkaj priparoloj kiel enkadrigi tiun agadon, kaj kunlabori per la kunpartigo de materialoj, kursoj, datoj ktp.

Fine de la tago, la Forumo pri Kapabligo studis kolekton da antaŭpreparitaj rekomendoj al la Komitato de UEA, kiu vendrede traktos la kvar tiajn rekomendarojn. La kunsidantoj efektive iom signife intervenis por proponi novajn punktojn aŭ alivortumi la proponitajn, kun ĉiu modifo enprenita realtempe, tiel ke eblis ekrane vidi kaj akcepti la ŝanĝojn.

Entute kontentiga tago, kies disvolviĝo elstarigis la klaran valoron de etgrupa diskutado, tiel ke iu ajn partoprenanto havis eblon esprimi opiniojn, starigi demandojn aŭ fari proponojn, kaj en kiu eblas vera grupa interago.

Teksto: SMG/MG/KK/FM

Kuntiris kaj dissendis:

Stefan MacGill
Vicprezidanto de UEA
Komisiito de ILEI pri la retkurso 'Esperanto Etape'.

**Komuniko 6: komitato vendrede**

Sukcese pasis en la ĵaŭdo (31an de julio) la Tago de Komunumo (seminario kaj forumo) kaj de Kunordigo (nur forumo). Pri tiuj komunikoj povos sekvi nur post la fermo de la Kongreso.

La tutan vendredan matenon kunsidis la Komitato. Ĝia unua paŝo estis trakto de la Jarraporto 2013, inkluzive de la financaj raportoj pri tiu jaro. Post aldonoj de raporto de TEJO, kaj informoj pri la Diplomoj pri Elstara Arta Agado, la raportoj estas akceptitaj.

La cetero de la tagordo rilatis al estonta agado. Unu post unu estis montritaj la rekomendaroj el la kvar Komitataj Forumoj. La enhavo de tiuj dokumentoj formos la bazon por ĝisdatigi la partojn de la Strategia Plano, kiuj rilatas al la jaro 2014-15. Komitatanoj pledis por rekontrolo pri la grado de plenumo de la rekomendoj, certe en Lillo, sed rete eblos tra la jaro indiki progreson.

La rekomendaro pri Konsciigo temis ĉefe pri pli forta emfazo al daŭripova evoluo en la informado. Pri Kapabligo la ĉefa diskuto rilatis al la loko de la bezonata administranto por la AMO-programo, ĉu ene de la Centra Oficejo ĉu aliloke.  Pri Komunumo temis ĉefe pri la ĉefe pri la jubilea aranĝo 'Montevideo 60'; sed sentiĝis bezono trakti la tutan kulturan kampon, ne nur erojn pri la festado de tiu jubileo. La voĉdono estis prokrastita ĝis alveno de nova teksto, post tio la tuto estas akceptita. Pri Kunordigo rilatis al eblo ŝanĝi la Statuton cele al starigo de novaj membro-kategorioj. Tiu parto inkluzivis trakton de proponata regularo pri reta voĉdonado kaj rilataj modifoj al la komitata regularo. Tiujn erojn pretigis intense laborinta dumkongresa komisiono, surbaze de estrara propono.  Ambaŭ dokumentoj estis akceptitaj senmodife. Oni starigis konstantan komisionon por trakti la teknikajn kaj organizajn aspektojn de la realigo de reta voĉdonado: komisionanoj iĝis Orlando Raola, Francesco Maurelli, Johannes Mueller kaj Sebastian Kirf, kune kun la Direktoro de la CO.

Pro la multeco de retvoĉdonaj diskutoj, necesis longigi la kunsidon je duona horo. Tio permesis akcepton de la spezkonta kaj bilanca buĝetoj por 2015. Buĝetaj taksoj por la Fondaĵoj por 2014 kaj 2015 estas prezentitaj kaj levis demandojn; estis pledo por kohera estrara plano altiri donacojn al la Fondaĵoj.

Plia pledo rilatas al la pli regula tutjara interkomunikado inter la estraro, konsilio kaj komitatanoj. Nova elekto-komisiono estas starigita: la gvidanto estas Ulrich Lins, kun membroj Ileana Schroeder kaj Michael-Boris Mandirola.

Rafael Zerbetto raportis koncize pri la traktado de la kongresa temo tra la semajno kun pluiro al prezento de la kongresa rezolucio. Ĝi estas akceptita, sub kompreno, ke la koncerna komisiono rajtas plue fari revortumetojn, por igi la tekston pli facile tradukebla. Ĝi aperos papere por la publiko en la fermo, eventuale pere de la kongresa kuriero.

Sub ceteraĵoj, la prezidanto anoncas monkolekton lige kun la Solena Fermo por helpi al sudamerikaj studentoj pli facile povi partopreni la trijaran postdiploman kursaron kiuj en Pollando ekos ĉi-sepembre.  Li anoncis la malfacile atingitan decidon pri la Universala Kongreso en 2016 – Nitra, Slovakio. La sekva fizika kunsido de la Komitato okazos ekde 14.00h en Lille, en sabato la 25an de julio, 2015.

La kunsido finiĝis je 12.39h.

Stefan MacGill
Vicprezidanto de UEA
Komisiito de ILEI pri la retkurso 'Esperanto Etape'.

Komuniko UK 7

Karaj,

La Universala Kongreso en Bonaero venis al fino hierau, per bonestosa ferma ceremonio. Ni nun prilaboras resumon pri la sentekste faritaj fermaj vortoj de la prezidanto de UEA; tion vi post kelkaj tagoj ricevos. La rezolucio disiris kiel Gazetara Komuniko, tio estos ricevebla kontrau peto de mi au la Centra Oficejo. Tradukoj al la angla kaj hispana estas survojaj - tre eble ankau al pliaj lingvoj. Vizitu la kongresan retejon de UEA por aliri la tekston en Esperanto, kaj en chiuj lingvoj, kiuj havas pretan tradukon. Bv. eluzi tiujn, kaj proponi helpon por krei pliajn tradukojn!

Mi nun aldonas dokumenton kun kelkaj bildoj el la Landaj Salutoj en la inauguro - poste ni kompilos pli kompletan serion kun aldonitaj informoj.
La fotojn faris Marija Belosevic el Kroatio.

Kun koraj salutoj el Bonaero,

Stefan MacGill
Vicprezidanto de UEA
Komisiito de ILEI pri la retkurso 'Esperanto Etape'.

http://www.uea.org/pdf/KomunikoLandajSalutoj.pdf




# Kelkaj fotoj pri la salutoj de la Landaj Asocioj

Sekvos pli da fotoj kun pli kompletaj priskriboj.













La franca salutanto, samtempe la gvidanto de LKK por la centa Universala Kongreso de Esperanto en Lillo en julio 2015.

